# Uverturo

## En la mondo de la lingvoj



● Onidire estas **6 912** lingvoj en la mondo. Praktike duono el ili havas tre malgrandan nombron da parolantoj. Pli ol 500 lingvoj tendencas malaperi. 160 havas maksimume 10 parolantojn.

● **Papuo-Nov-Gvineo**, lando kun ĉ. 5 milionoj da enloĝantoj estas tiu kun la plej granda nombro da lingvoj: ĉ. 820. Sud-Afriko estas la lando kun plej granda nombro da oficialaj lingvoj: 9.

● Laŭ studkonkludoj de britaj esploristoj (2009), la **vaska** (eŭska) lingvo estas konsiderata la plej malfacila lingvo por lerni pro ties strukturo tute fremda al iu ajn alia lingvo.

● La skribata lingvo kun malplej da literoj estas la ***rotokas***, de Papu-Nov-Gvineo: 11 literoj. Tiu kun pli da grafemoj estas la *khmer* en Kamboĝo: 74.

● La **tradukretejo** de Google nuntempe disponigas tradukaĵojn al 103 lingvoj inter ili Esperanto.

● Esperanto estas la sola lingvo en kiu ne estas malregulaj verboj. La lingvo *ĉampiono* pri tiaj malregulaĵoj estas la **franca**: 2 238 verboj.

● En la ***archi***, lingvo parolata ĉe la Kaspio Maro, ĉiu verbo ebligas 1,5 milionon da konjugacioj!

● Ekzistas pli ol 200 indiĝenaj lingvoj en Eŭropo. En la landoj apartenantaj al la Eŭropa Unio, 56% de la enloĝantaro parolas alian lingvon krom la patrina.

● En Londono estas parolataj pli ol 300 lingvoj. En Rusio inter 120-200. La neeŭropaj lingvoj plej parolataj en la kontinento estas la hinda, la araba kaj la mandarena.

● La latino uzeblas ĉe la aŭtomata kaso de Vatikano por bankaj transakcioj. *Inserito scidulam quaeso ut faciundum cognoscas rationem* signifas *enmetu vian karton por ke la konto povu esti rekonata.*

↦Referenco:
https://hridiomas.com.br




# Humuro



Komence Eva ne volis manĝi la pomon.
- Manĝu! – ordonis la serpento. - Vi estos tia kia la anĝeloj.
-  Ne! – respondis Eva.
- Vi scios ĉion pri la scienco, pri la bono kaj pri la malbono – insistis la serpento.
- Ne!
- Vi estos senmorta.
- Ne!
- Vi estos tia kia Dio en ĉiuj aspektoj.
- Ne!

La serpento estis senespera kaj ne plu sciis kion fari por ke Eva manĝu la pomon. Fine ĝi havis ideon. Ĝi donacis la frukton pli unufoje kaj diris:
- Manĝu! Mi ĵuras, ke ĝi ne dikigas. Kaj la reston ĉiuj konas. ●

# Portugal-lingve



## Tanto melhor que o esperanto não tenha sido oficializado ainda... (2)

(Cont.)

Aliás não sou único a pensar assim. O Prof. Jouko Lindstedt, da Universidade de Helsinque, tem mais ou menos a mesma opinião, como se pode ler em *Esperanto* julho-agosto1996: Outros sonham com um rápido reconhecimento da língua [esperanto] na União Europeia, não pensando que depois disso sobre a forma e evolução do esperanto decidiria a poderosa administração da União. E ele mesmo cita texto de Claude Piron (*Psikologiaj Reagoj al Esperanto/Reações Psicológicas ao Esperanto*), em *Nova Krestomatio de Esperanto/Nova Crestomatia de Esperanto*, Roterdã, 1991), no qual ele escreve que, de acordo com uma perspectiva histórica, a resistência contra o esperanto teve um efeito positivo: uma imediata aceitação geral do embrião linguístico elaborado por Zamenhof o submeteria a descaracterizações das quais ele não sairia vivo. ●

↦Fragmento de palestra proferida de Manuel Seabra, esperantista português,  por ocasião das comemorações do Dia de Zamenhof no Centro Esperantista Miguel Vilagran, em Barcelona, 1996. Tradução de César Dorneles.

# Tempo-tunelo



## 1990

*Esperantogazeto* n-ro1, de 1/jul-15/aŭg/90, redaktata de Instr. César Dorneles Soares kiel publikigaĵo de Dom Diogo-Lingvocentro (Escola de 1º e 2º Graus Dom Diogo de Souza, Porto Alegre), informis pri programitaj eventoj:

- 16-31/aŭg/1990 – Ekspozicio pri Esperanto ĉe a halo de la Centra Poŝtoficejo de Porto Alegre sub la aŭspicioj de ESPA-Esperantista Societo de Porto Alegre.

- 18/aŭg/1990 – Komenco de baza kurso pri E-o ĉe la lingvocentro de E.E. de 1º e 2º Graus Dom Diogo de Souza. Kursgvidanto: Instr. César Dorneles Soares.

- 25/aŭg-02/sep/1990 – Esperanta budo ĉe la 11a Internacia Bienalo de la Libro en San-Paŭlo. Aranĝo de BEL - Brazila E-Ligo.

- 07-09/sep/1990 – Realigo en Caçapava do Sul, RS, de la 3a Gaŭĉa Esperanto-Renkontiĝo sub la aŭspicioj de ESPA-Esperantista Societo de Porto Alegre kaj Studgrupo F.V. Lorenz.

# Kaf-paŭzo

↳**César Dorneles**




## Miguel iros al Parizo

Nia E-amiko Miguel Rocha Bento, 21jara, studento de UFRGS kaj 1a Sekretario de Gaŭĉa Esperanto Asocio sukcesis la unuan lokon en la konkurso *Poesie en Liberté* (*Poezio Tut'Libera*) – kategorio Esperanto - pere de la poeziaĵo *Jardeko*. La aranĝo estis kreita antaŭ dudek jaroj de gimnazio situata en norda antaŭurbo de Parizo. Nuntempe ĝi estas aŭspiciata de la francia registaro. En la ĉijara eldono, partoprenis ĉ. 4 mil junuloj el pli ol 60 landoj. Jam de du jaroj Esperanto estas lingvo akceptata en la konkurso. Miguel forvojaĝos novembron al la franca ĉefurbo por partopreni en la premioceremonio kaj promenado tra Parizo (!!!). Li gastiĝos ĉe hejmo de familio. ●

## Se paroli pri...

Mi persone konas diversajn lokojn en Parizo, ĉiujn en la flughaveno Charles de Gaulle. ☺

## Oni atentu pri tio...

Legite en Facebook: Paulo Freire ne studis ĉe Harvard. Harvard studas Paulo Freire.

# Amazonio

La senbremsa sen-arbarigado de Amazonio kaj la venenado de ties riveroj ne estos tolerata de la Mondo. Ĝi intervenos en la regiono se tia estos la kazo. Studo farita de la Universitato de la Sudo de Florido montras la plimultigon *de algoj en la Golfo de Meksiko kaj ĉe la marbordo de Usono kaŭzita de la disiĝado, el la rivero Amazono, de restaĵoj de kemiaj grasumoj uzataj en la kreskanta agrokultura produktado en sen-arbarigitaj areoj*, kiel informas Carlos Drummond en la raportaĵo en la revuo CartaCapital de 14/aŭg. ●

# Jean Wyllys lanĉas libron

Ekziligita pro minacoj al si propra vivo, eksa federa deputito Jean Wylys (PSOL-RJ) lanĉis fine de julio libron titolitan *O que será: a história de um defensor dos direitos humanos no Brasil (Kio estos: la historio de defendanto de la homaj rajtoj en Brazilo*) pere de la eldonejo Objetiva. En la verko li rakontas pri siaj travivaĵoj ekde la infanaĝo en la nordorienta landiterno de la ŝtato Bahia kaj analizas la nuntempan brazilan situacion, enmergintan en tre seriozan socian, politikan kaj institucian krizon.

En intervjuo al CartaCapital, li klarigas, ke li gajnis stipendion por studi la fenomenon de la t.n. *fake news* (*malveraj novaĵoj*). Li pensas doktoriĝi kaj li opinias, ke Berlino estos bona alternativo. Dume li pergajnas la vivon danke al konferencoj kaj debatoj em diversaj universitatoj en la mondo. ●

↦Referenco:
CartaCapital n-ro 1065, de 31/aŭg/2019



# Miks-

## Pri Heroldo de Esperanto

Fabrício Valle en Twitter (27/jul/2019):

**1.** César Dorneles tiel komentis pri Heroldo en Facebook: "Mi tre bedaŭras, ke Heroldo en la nova ekzistperiodo ne meritis la necesan apogon de la esperantistaro kiel tuto. Ĉiuj numeroj estis tre altkvalitaj ĉu enhave ĉu grafikaranĝe." Jen tiel estis mia respondo:

**2.** Tamen, Heroldo ricevis sufiĉe grandan apogon. La granda problemo estis, ke mi aĉetis gazeton kun 600 abonantoj kaj ricevis gazeton kun 0 (nulo) abonantoj. Mi estis trompita kaj mian tutan haveblan kapitalon mi eluzis por ekpago al la vendintoj.▶

**3.** Tio estis granda bato kaj mi ne kapablis superi ĉiujn malfacilaĵojn. Eĉ tiel mi kapablis sukcesis eldoni ses numerojn. Nun mi laboras por lanĉi la retan version kaj iom post iom akiri la necesan bazon por relanĉi la paperan version.

**4.** Mi nun prizorgas ĉefe mian personan situacion, ĉar Heroldo postulas multe da tempo... kaj sensalajre. Ne eblas labori por Heroldo sen persona stabileco. ●

## El la legantoj

Mi jam ricevis vian revuon. Bona revuo. (Vera Lúcia Gonçalves Araújo, Rio-de-Ĵanejro, RJ)

# La angla en Ugando

Aperis en The Guardian (2014-12-22) artikolo pri la angla uzata en Ugando. Kiel en multaj partoj de la mondo, kie la angla parolatas kiel dua aŭ tria lingvo, aŭdeblas diversaj – almenaŭ al britaj oreloj – strangaĵoj, tiel ke esploristo Bernard Sabit, epitetas la ugandan anglan *Uglish*.



Ekzemploj: *benching* – kiam oni vizitas homon, kiu romantique interesas; *buffalo* – iu kiu malelegante uzas la anglan; *bullet* – antaŭviditaj ekzameno-demandoj; side dish – eksteredza amatino (...). Laŭ Sabiti, kreskas Uglish pro falanta eduka nivelo kaj pro manko de kontakto kun denaskaj parolantoj de la angla. (El la rubriko *Babile*, de Paul Gubbins, en la *Brita Esperantisto* n-ro 978 de Printempo 2015)



# La Papo kaj Amazonio

En intervjuo al taggazeto La Stampa (Torino) la 9an de septembro, Papo Francisko kritikis la militeman naciismon. *Mi zorgumas pri paroladoj kiuj memorigas tiujn de Hitler* – li asertis. Pri la minacoj al la naturmedio, li menciis kunsidon kun fiŝistoj kiuj informis al li, ke ili kolektis ses tunojn da plasto lasttempe. Pri la riskoj al la amazonia arbarego li esprimis la jenon: *La minaco al la vivo de la enloĝantaroj kaj al la teritorio ŝuldiĝas al la ekonomiaj kaj politikaj interesoj de la dominantaj sektoroj de la socio.* Por li la politikistoi devas *preni sur sin konkretan respondecon ekzemple en la kazo de la subĉielaj minoj, kiuj venenas la akvon kiu kaŭzas tiom da malsanoj.* ●

↦Referenco:
https://operamundi.uol.com.br

# Lingvo






mindinho, mínimo
## etfingro, eta fingro

fecho, ferrolho, tampa
## fermilo

retroescavadora
## fosmaŝino

geladeira
## fridujo



batatinhas fritas
## fritoj

*freezer*
## frostujo

gargarejar, dar descarga
## gargari ▶

ferro (de passar)
## gladilo

calça *jeans*
## ĝinso

hambúrguer
## hamburgero ●

# Mi iras tute sola aŭ tute sole?

La soleco estas eco de la iranto, ne de la irado. Sekve sola havu A-finaĵon, ĉar ĝi priskribas la pronomon mi. (Bertilo Wennergren, en la Facebook-grupo Konsultejo) ●



www.gajahaveno1.
blogspot.com

# Sencoj

**Donaci =** *presentear, doar, brindar, oferecer, fazer doação de, dar de presente*

**Oferi =** *oferecer* en la religia senco, *ofertar* en la senco de fordoni ion valoran, por akiri alion, kion oni rigardas kiel pli valoran: *mi devis oferi la agrablan pro la utila* (Z); fordoni ion valoran por la servo, utilo de io aŭ iu: *oferi sian tempon al Esperanto* (Z); *sacrificar, imolar*.

**Oferti =** *oferecer* en la komerca senco: *ni povas oferti je la plej bonaj kondiĉoj sur la merkato*. ●

↱Referencoj: Plena Ilustrita Vortaro; http://vortaro.esperanto.org.br/

# Esperantaj sinonimoj

avara – monavida – troŝparema

averti – atentigi

aviado – aernavigado – aerveturado

avizo – informo – sciigo
avizo = afiŝeto, etikedo, slipeto ks, sciiganta al la publiko utilan informon aŭ instrukciojn

bagatelo – malgravaĵo – etvaloraĵo

baldaŭ – proksimtempe

baloti – voĉdoni

banala – triviala – vulgara ●

↱Referencoj:
http://dvd.ikso.net/vortaro/Hejma_vortaro.html

Esperantaj Sinonimoj, de Jaan Ojalo (UEA, 1999)

*Gaja Haveno*
Redaktas
César Dorneles Soares
dornelespoa@gmail.com
Eldonoj PDF-forme:
www.esperantors.net.br/
gajahaveno

# Juvenalo legas ĵurnalon

La dia Kaligulo faris ĝian ĉevalon Incitatus senatano sed neniam ambasadoro en Persio.

